2.ª Ep. AÑO IX N.º 52 (188) NOVIEMBRE - DICIEMBRE 1971




DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

# TAGO DE LA LIBRO EN ESPERANTO

En la Tago de Zamenhof aĉetu almenaŭ unu libron

**BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO**

*Director:*
Domingo Martínez Benavente
*Redacción y Administración:*
Inés Gastón
Paseo Marina Moreno, 35, 4.º, dcha.
ZARAGOZA

*ADRESOJ*

Hispana Esperanto-Federacio:
Prezidanto:
S-ro Angel Figuerola Auque
Str. Víctor de la Serna, 19, 7.º
MADRID-16

Ĝenerala korespondado:
Sekretario:
S-ro Manuel Figuerola Palomo
Str. Víctor de la Serna, 19, 7.º
MADRID-16

Monsendoj:
Kasisto:
Gerardo Flores Martín
Str. Presidente Carmona, 2
MADRID-20
Ĉekkonto: N.º 8362-271
Banko Español de Crédito
Str. Diego de León, 54
MADRID-6

Sendaĵoj pri statistiko kaj informado al:
S-ro Salvador Aragay
Str. Bassegoda, 40, 3.º, 1.ª
BARCELONA-14

Libroservo kaj Eldona-Fako:
F-ino Inés Gastón
P.º Marina Moreno, 35, 4.º, dcha.
Ĉekkonto: N.º 17917, Banco Bilbao
Coso, 31 ZARAGOZA

Jarkotizo por eksterlando: 120 ptojn.



## de Secretaría

DONANTES DEL FONDO DE ADQUISICION LOCAL EN PROPIEDAD (F.A.L.P.)

| | |
|---|---|
| *Suma anterior* ... | 72.100 ptas. |
| Stig Bergstrom .............. | 500 " |
| Carmen Maymí Guillament | 500 " |
| Dolores Maymí Vualart ... | 500 " |
| Antonio Guerrero Portolés | 1.000 " |
| Estrella Gil de Guerrero . | 1.000 " |
| Clementina Tranque Iglesias . ......................... | 500 " |
| *Total* .............. | 76.100 " |

Madrid, 1 de noviembre de 1971.
*Manuel Figuerola Palomo*
Secretario de la Federación Española de Esperanto

Recordamos a todos los federados, el importe de la CUOTA ANUAL de los miembros de la Federación en sus distintas categorías:
Miembro abonado: 150 Ptas.
Miembro protector: 300 Ptas.
Miembro numerario: 75 Ptas.
Las dos primeras categorías con derecho al recibo de un ejemplar del BOLETIN.

## deziras korespondi

POLLANDO. — Chetmza, pow. Torun, ul. Nowotki 22, S-ino Ewa Ewert, emerita sekretariino en mezlernejo, deziras korespondi kun hispana samidean(in)o, pri diversaj temoj.

HISPANUJO. — Cullera (Valencia), Jen nomoj kaj adresoj de tri filatelistoj kaj de tri junaj lernantinoj, kiuj deziras korespondi kun esperantistoj el la tuta mondo:

F-ino María Lourdes Barbero kaj S-ro José Barbero, 19 kaj 22 jaraĝaj respektive, loĝantaj en str. Alcázar de Toledo, 39, 3.º, pta. 18.

F-ino Esperanza Fenollar, Str. Generalísimo, 20.

Ida Rico López, 10 jaraĝa knabino, Str. Calvo Sotelo, 13, 2.º.

Pilar Tomás, 13 jaraĝa knabino, Str. Montaña, 2, 2.º, 6.ª.

Maribel Pérez, 11 jaraĝa knabino, Str. Paz, 4, bajos.

Con arreglo al artículo 24 de la vigente Ley de Prensa e Imprenta, ponemos en conocimiento de nuestros lectores que los señores que constituyen los órganos rectores de la revista, Boletín de la Federación Española de Esperanto, son los siguientes:

Director: D. Domingo Martínez Benavente
Redacción: D.ª Inés Gastón Burillo

La revista está financiada por la Federación Española de Esperanto, cuyas cuentas fueron presentadas por el entonces Tesorero de la misma, D. Raimundo Ibáñez Crespo, y publicadas en el número de la revista correspondiente a los meses de julio-agosto del corriente año.

# TAGO DE ZAMENHOF

Centoj da Esperanto-Grupoj en ĉiuj kontinentoj, festos la 15-an de decembro la «Tagon de Zamenhof» (112[a] datreveno de lia naskiĝo), la homo, kiu dediĉis sian vivon al la Internacia Lingvo, por la bono de la homaro. Tiu lingvo, kiun li lanĉis en 1887 en Varsovio, per sia unua Lernolibro de Internacia Lingvo, sub la pseŭdonimo «Doktoro Esperanto», doktoro, kiu esperas.

Li ne esperis vane, la uzado de la lingvo riĉigis ĝin, evoluigis ĝin, kaj donis al ĝi la fluecon de vivanta lingvo.

Pasis la jaroj... kaj Esperanto, ĉiam en kreskanta evoluo, montris al la mondo sian valoron en literatura kaj scienca kampoj. Por ĝia kresko kaj tiu de la literaturo, multe helpis la idealista motivo, kiu inspiris Dron. Zamenhof kaj liajn amikojn, kiun oni nomis interna ideo de Esperanto, aŭ esperantismo, kiu estas la animo de la lingvo.

Sufiĉas legi kaj trastudi nian himnon «La Espero», por kompreni tiun senton de frateco kaj homamo, kiu movis Dron. Zamenhof, por la kreado de Esperanto. Nur en la lasta strofo, li mencias la lingvon, sed nur kiel ilon por plej bona interkompreniĝo:

Sur neŭtrala lingva fundamento
Komprenante unu la alian
La popoloj faros en konsento
Unu grandan rondon familian.

Ankaŭ pri tio ni devas mediti; li ne diras grupon familian, sed, rondon familian, situigante nin ĉiujn sur saman nivelon, kvazaŭ ni ĉiuj rigardus la saman punkton, la saman celon. Celo, kiu kondukos nin al la paco, se ni rekte la vojon sekvas.

Red.

**ĜOJAN KRISTNASKON KAJ**
**FELIĈAN NOVAN JARON**

## L I B R O J

La Esperanto-literaturo kreskas ĉiutage, tial, kiam ni ne havas sufiĉan spacon, estas malfacile envicigi titolojn de libroj.
En Libroservo de H.E.F., ni havas je via dispono tre interesajn verkojn por ĉies gustoj.

Jen kelkajn titolojn laŭ alfabeta ordo:

| | | |
|---|---|---|
| BULGARA PROZO, (19 noveloj ekde Vazov) bind ... ... ... ... ... ... | 156,— | ptoj. |
| CIGANA ROMANCARO, Federico García Lorca, trad. F. De Diego ... | 140,— | " |
| DIA KOMEDIO, LA Dante Alighieri, trad. G. Peterlongo ... ... ... ... | 876,— | " |
| DISKO, Johan Hammond Rosbach ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 135,— | " |
| ELEKTITAJ PAROLADOJ KAJ PRELEGOJ, Ivo Lapenna ... ... ... | 220,— | " |
| ESPERANTA ANTOLOGIO, redaktis William Auld, bind ... ... ... | 294,— | " |
| FARAONO, LA, B. Prus, trad. Kabe (tri volumoj) bind ... ... ... ... | 360,— | " |
| FUNDAMENTA KRESTOMATIO, L. L. Zamenhof, bind ... ... ... ... | 252,— | " |
| HAMLETO, trad. L. L. Zamenhof, bind ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 200,— | " |
| KANAKO EL KANANAM, Kenneth G. Linton, bind ... ... ... ... ... | 160,— | " |
| KANTOJ KAJ ROMANCOJ, Heinrich Heine, trad. K. Kalocsay kaj G. Waringhien ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 420,— | " |
| MALPRUDENTA SCIVOLULO, LA, Miguel de Cervantes, trad. L. Hernández ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 40,— | " |
| MARTA, Eliza Orzeszko, trad. L. L. Zamenhof, bind ... ... ... | 220,— | " |
| NOBLA KORANO, LA, trad. Chiussi, bind ... ... ... ... ... ... ... | 700,— | " |
| PRINTEMPO DE MORTO, Lajos Zilahy, trad. L. Somlai ... ... ... | 120,— | " |
| RETORIKO, Ivo Lapenna, bind ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 400,— | " |
| SANGO KAJ SABLO, V. Blasco Ibáñez, trad. R. Salas ... ... ... ... | 80,— | " |
| SEKRETOJ DE LA MARESTAJOJ, Petar Giunio, reverkita de M. Ĝivoje ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 100,— | " |
| SENĜENAJ DIALOGOJ, Alberto Fernández . ... ... ... ... ... ... ... | 245,— | " |
| SOLECO, Víctor Catalá, trad. J. Ventura ... ... ... ... ... ... ... ... | 300,— | " |
| VIRINO ĈE LA LANDLIMO, Marjorie Boulton, bind . ... ... ... ... | 150,— | " |
| VIVO DE ZAMENHOF, Edmond Privat, bind ... ... ... ... ... ... ... | 112,— | " |
| VOJO, J. M. Escrivá de Balaguer, trad. N. L. Escartín ... ... ... ... | 140,— | " |

Libroservo de H.E.F., Inés Gastón, P.º Marina Moreno, 35, 4.º dcha. Zaragoza.

## T. E. J. O.

### NOVA PREZIDANTO

Humphrey Tonkin ne kandidatiĝis en tiu ĉi jaro. Pro lia multjara laboro en la vicoj de TEJO, la komitato unuanime elektis lin Honora Prezidanto de TEJO. Post baloto, oni trovis novan grandan gvidanton en la persono de Renato Corsetti.

### TEJO-KONGRESO 1972

La estraro de TEJO decidis akcepti la inviton de Pollando por la 1972-a kongreso. Ĝi okazos de 17-23 julio kaj la urbo Torun estas antaŭvidita kiel kongresurbo. La temo de la kongreso, laŭ decido de la komitato, estos "Junularo kaj la Tria Mondo". Oni klopodu dum la jaro konatiĝi kun la temo, ĉu per Kontakto revuo, ĉu per personaj studoj, por ke la diskutoj estu vere efikaj.

### KONFERENCO EN PORTLAND

Dun la U.K. en Portland, 1972, okazos tritaga konferenco de TEJO. Tie la junuloj renkontiĝos kaj oni diskutos ĝenerale pri la samaj temoj kiel en la IJK. Antaŭvidita estas komuna loĝado en la Universitato. La programo de la konferenco estos aparte de la UEA kongreso, Se vi deziras helpi aŭ informiĝi, turnu vin al Guy Matte, 214 Gloucester, app. 7, Ottawa, Kanado.

# POST LONGA MEDITADO

Kelkfoje mi pensis skribi artikoleton pri U.E.A. kaj la Esperanto-movado, sed neniam mi cedis al tiu tento.

Post la Kongreso en Londono, pluraj samideanoj petis mian opinion pri diversaj el la pritraktitaj punktoj kaj pri la netoleremo, malklara juĝkapablo de kelkaj personoj kiam oni devas trakti aferon, aŭ juĝi la agadon de difinita persono.

Laŭ mia opinio —diris unu el niaj amikoj—, la agado de ĉiuj estraroj aŭ gvidantoj de asocioj povas esti pozitiva kaj negativa; en tiu lasta kazo oni devas kritiki, eĉ energie, sed samtempe, oni devas ankaŭ rekoni kaj laŭdi la pozitivan aspekton de la agado.

Mi plene konsentas kun ĉi tiu opinio, kaj mi tre bedaŭras kiam mi aŭdas aŭ legas juĝojn apriorajn kaj radikalajn pri personoj kaj ilia agado. Tio estas difekto de ĉiuj: kvalifiki kiel absolutan bonon aŭ absolutan malbonon la konduton de difinita persono aŭ grupo, pensante ke la mondo estas pro sia simpleco komparebla al dilemo kiun oferas la filmoj pri la "far west", kiujn tiom ŝatas la infanoj, kaj en kiuj oni dividas la rolantojn kiel apartenantajn al la "bonuloj" kaj al la "malbonuloj".

Agadi tiamaniere elmontras —laŭ mia opinio— intelektan malriĉecon; la troa simpligo de la aferoj ĉiam estas suspektiga simpleco de ideoj, se ne absoluta nekapablo. Iu ajn malklerulo kuraĝas diri ke Velázquez ne estis bona pentristo, ke Johnson sciis neniom pri politiko, ke Brandt estas komunisto, ke... ĝis ŝajnigi ke li estas super ĉio, kapabla por ĉion juĝi, kvankam la vero estas ke nur la senkonscio, origino de malklereco permesas al personoj sin deklari pri ĉiuj temoj tiel flegme senereraj.

La paso de la jaroj donas al ni sperton, kiu vidigas nin ke la aferoj —en tiu ĉi kazo gvidado de "movado"—, ne estas tiel simplaj. Dekdu jaraĝa knabo parolas ekzemple pri futbalistoj dirante: "B. estas fabela" kaj "N. valoras neniom" aŭ inverse. Tiuj estas juĝoj tiel radikalaj kiel neekzaktaj kaj maljustaj. Kiam la knaboj estas deksep jaraĝaj, iu diras: "Mi multe pli ŝatas la teologion de Sankta Agosteno ol tiun de Sankta Tomaso". Kaj, plej eble, pri la afrika sanktulo li nur scias ke dum lia junaĝo li ne praktikis, pro kio li dolorigis la kapon de sia patrino, kaj pri Aquino li scias nur ke li verkis multpaĝajn librojn estante lia majstro S. Alberto Magno... Mi povus aldoni multajn ekzemplojn pliajn. Kun tiuj informoj: Ĉu estas eble serioze juĝi?

Fabriki dogmojn laŭ nia plaĉo, elmontras pasiecon kaj malriĉecon de juĝkapablo. Kritiki ion ajn ne konante ĝin estas ja, netolerebla malzorgemo, aŭdaca malprudento, kaj multfoje kalumnio. Kaj ĉiam evidentiĝas la kurto de intelekto. Tiu ĉi lasta cirkonstanco estas nur, kio malgravigas la malĝustaĵon.

Mia opinio rilate al U.E.A. estas sufiĉe klara post longa meditado:

U.E.A. estas la nura tutmonda esperantista organizaĵo vere reprezentado, ni ĉiuj devas helpi kaj subteni ĝin por la bono de nia ideo: la triumfo de la Internacia Lingvo. Kiam mi parolas pri helpo kaj subteno, mi ne nur rilatas la financajn rimedojn, kvankam ili estas tre interesaj kaj necesaj. Ni devas ankaŭ helpi per objektiva prezentado de la laboro farita kaj farata, per nia konfido rilate al la personoj kiuj estras la asocion, sen misprezento de iliaj agoj. Ni devas pensi ke estas multe pli simple kritiki ol agi. Kiel konsciaj esperantistoj, ni ne rajtas riski la vivon de la asocio per niaj kritikoj. Ni ĉiuj konas la atingojn de U.E.A., kaj la firman laboron, sur kiu baziĝas la tutmonda Esperanto-movado dank' al la kapablo kaj sindediĉo de la estraro sub la prezido de Prof. D-ro Lapenna.

Ĉiuj homoj povas erari kaj la estraro de U.E.A. konsistas el homoj, sed, ni ne povas dubi pri la bona volo de ĉiuj kaj pri la kapablo de ĉiu por sia posteno. Pri nia Prezidanto, persono plej reprezenta de la estraro —kaj de la asocio— mi diros kiel S-ro Wensing diris en la solena Fermo de la pasintjara U.K. en Vieno, kiam li substrekis ke: "Prof. D-ro Ivo Lapenna estas la plej universala esperantisto kiun nia movado konas: samtempe organizanto, oratoro, verkisto, juristo kaj viro de granda formato, kiu pilotis ankaŭ ĉi tiun kongreson tre lerte tra la tempestoj. Ni danku —diris vicprezidanto Wensing— al tiu viro unuflanke insultata sed aliflanke laŭdata kaj adorata, kaj konsciu la vortojn de D-ro Chiussi: Se Lapenna ne ekzistus, ni devus eltrovi lin!"

INES GASTON

---

## NIGRA MAGIO

Tiun homon mi malamis. Sed mi ne povis mortigi lin per miaj propraj manoj, ĉar li estis alta je unu metro kaj naŭdek centimetroj, kaj pezis cent kvardek kilojn. Tial mi decidis peti helpon ĉe iu sorĉisto.

—Mi volas ke vi sorĉe "sendu lin en la alian mondon!" —mi diris.

—Nu, bone! —respondis la sorĉisto. Li prenis pecon da vakso kaj tajlis figuron.

—Jen —li diris, montrante al mi vaksan pupon—, via malamiko. Ĉinokte, je la horo de l' fantomoj, nome, je la dek dua, mi enigos dornon en ĝian koron, kaj li mortos. Vi ŝuldas al mi dumil stelojn.

—Kiom da?

—Dumil.

—Vi estas freneza! Mi pagos al vi ducent.

—Mi ne faras rabatojn. Por enmeti dornon en koron, mi enspezas dumil stelojn.

—Vidu —mi proponis—, jen ducent steloj, kaj enigu la dornon kien ajn al vi plaĉos. Ĉu akceptite?

—Akceptite —flustris la sorĉisto—. Noktomeze la afero estos farita.

Ĉar mi volis ĝui la spektaklon de la morto de mia malamiko, tiunokte mi iris kafejen, kien li kutimis veni. Mi eksidis ĉe tablo proksima de tiu lia, kaj mi atendis kun plezuro la epilogon. Noktomeze mia malamiko subite ekstaris. Mi aŭdis ke li grumblis dum gratado:

—Malbenita estu la maliculo kiu lasis puŝnajleton surseĝe!

ERGOTO DE BONAERO

---

## XXXII CONGRESO ESPAÑOL DE ESPERANTO

Según fotocopia recibida de nuestros compañeros de Vigo, ha sido esta bonita ciudad gallega la designada para sede del 32 Congreso Español de Esperanto.

---

## CURSOS DE ESPERANTO POR CORRESPONDENCIA DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

Centro Autorizado por el Ministerio de Educación y Ciencia con el número 68
c. Forn, 21 - MOYA (Barcelona)

## REGINA LECAT

La 15-an de aŭgusto forpasis en Antverpeno (Belgujo) kie ŝi loĝis, S-ino Regina Lecat, pol-devena belgino. Fervora kaj multjara esperantistino, ŝi multe laboris por disvastigi Esperanton, kies internan ideon ŝi vere sentis kaj praktikis.

Kun bedaŭro mi informas pri la forpaso de tiu fidela samideanino kaj bona amikino, kiu havis oftajn kaj amikajn rilatojn kun hispanaj esperantistoj de post sia vizito al nia lando en la jaro 1961.

ŜI PACE RIPOZU!

## JUAN IBERN VINYALS

La 13-an de septembro, forpasis en San Adrián del Besós (Barcelona), nia samideano S-ro Juan Ibern Vinyals, en la aĝo de 52 jaroj.

Fervora esperantisto, konstanta membro de Hispana Esperanto-Federacio, nia forpasinta samideano multe laboris por disvastigi la Internacian Lingvon.

Por lia familio nian plej sinceran kondolencon.

LI PACE RIPOZU!

## LORENZO TIL

Post longa kaj peniga malsano, la pasintan 19-an de septembro mortis en Zaragoza nia samideano kaj amiko S-ro Lorenzo Til, kiam li aĝis 60 jarojn.

Esperantisto de la jaro 1928, aktiva membro de la Grupo "Frateco" de Zaragoza, multe laboris por disvastigi la Internacian Lingvon.

Li estis la unua urba policisto kiu deĵoris kiel interpretisto de Esperanto, uzante la Esperanto-distingilon sur la maniko. Sekve li estis tre konata de eksterlandaj samideanoj, kiuj ofte uzis liajn servojn dum siaj vizitoj al nia urbo.

La funebra ceremonio kiun partoprenis la loka esperantistaro, estis atesto de la respekto kaj simpatio kiun ĝuis nia forpasinta samideano.

Por la familio, speciale por liaj gefiloj, kaj por "Frateco", kiu perdis unu el siaj aktivaj membroj, nian plej sinceran kondolencon.

PACAN RIPOZON AL LI!



S-ano Lorenzo Til kun internacia grupo.



# Amadeo Vives kaj La Zarzuela

Amadeo Vives, eminenta hispana muzikisto.

La centjara datreveno de la naskiĝo de famkonata hispana muzikisto, Amadeo Vives, estas bona okazo por iom skribi pri "La Zarzuela", ĉar majstro Vives estas konata ĉefe, kiel aŭtoro de pluraj el tiuj lirikaj komedioj.

La Zarzuela, laŭ muzika ĝenro, estas analoga al Singspiel germana kaj al la Opéra-comique franca; ĉiuj estas verkoj literaturmuzikaj, en kiuj fundamente, alternas kantataj paragrafoj kun aliaj deklamataj. Krom tio, la zarzuela prezentas tipajn trajtojn hispanajn, kio distingas ĝin de la aliaj muzikaj ĝenroj. Ĝia origino ne povas esti pli antikva kaj glora; nia lirika teatro devenas de la Eklogoj de Juan de Encina, kaj ĝi prosperis dum la regado de la Katolikaj Reĝoj.

La "villancicos" kaj "cantarcillos", la "cosantas" kaj "rondelas", la "tonadas", kaj aliaj muzikaĵoj estis lirikaj elementoj kiuj paŝon post paŝo kreis la ĝenron Zarzuela.

Ĝia naskiĝo okazis en 1629, per la prezentado en la Reĝa Palaco de Madrid, de la paŝtista eklogo de Lope de Vega, "La selva sin amor", kies muziko estis de nekonata aŭtoro; la dua el tiuj verkoj, laŭ kronologia ordo estis la mitologia komedio de Calderón de la Barca kun muziko de Juan Hidalgo, "El Jardín de Falerina", prezentita unuafoje antaŭ la reĝoj en la kampara distrejo "La Zarzuela" kiun la Infanto Don Fernando posedis en la Reĝa Posedaĵo "El Pardo".

Antaŭ ol daŭrigi, interesas averti, ke la vorto "zarzuela", filologie prezentas botanikan originon; ĝi estas nomo, kiun ricevis ĉiu loko, kie abundas la rubusoj, kaj, rilate al lirika teatraĵo, ĝia origino estas ligita al la vivo de la reĝa familio. Kiel dirite, la Infanto Don Fernando, frato de la Reĝo Filipo la IV[a] posedis tiun distrodomon nomitan "La Zarzuela", pro la abundo da rubusoj ekzistantaj en tiu loko; en ĝi la artistoj de la teatroj de Madrid prezentis diversajn spektaklojn ĉefe lirikajn. Unue, oni aŭdigis nur kanzonojn, duetojn kaj ĥoraĵojn, poste oni decidis skribi lirikajn verkojn dividitajn en du aktoj, anstataŭ en tri, kiel estis la komedioj, kiuj ricevis la nomon "festoj de Zarzuela", kaj fine, nur "Zarzuela". La verko "El golfo de las Sirenas" de Calderón, estis kiu unue ricevis tiun nomon en la jaro 1657. Per la verko "El laurel de Apolo" ankaŭ de Calderón, stariĝis nova struktura normo, kiu pluvalidis dum pli ol unu jarcento, kaj post ĝeneraliĝo de la vorto "zarzuela" en filharmonia senco, malaperis ĉiu botanika sugesto. De tiam oni nomas Zarzuela ĉiun verkon en kiu la muziko alternas kun la deklamado. De sia naskiĝo ĝi perfekte sin adaptis al la sentemo kaj al la gusto de la hispana popolo, kiu preferis en la teatro la scenan variecon kaj la rapidan agon, kiuj karakterizas la specon Zarzuela.

Sendube la Zarzuela estis la lirika spektaklo preferata de la hispanoj de la XVII[a] jarcento, kaj ili estis prezentataj plej sukcese, ne nur en Madrid, sed en la tuta lando, kaj ankaŭ en Italujo kaj Francujo.

Dum la XVIII[a] jarcento, la influo de la itala muziko estis forta bato por la tipe hispana liriko.

La Zarzuela denove havas propran kaj difinitan vivon, de kiam la fondintoj de la arta asocio "La España Musical", fondita en Madrid en 1847 sub la prezido de majstro Hilarión Eslava, decidis restarigi sur niaj scenejoj la malnovan Zarzuela, kompreneble, adaptinte ĝin al la progreso en la lirika arto, kaj al la evoluo de la gusto de la publiko. La grandioza novaĵo mirigis ĉiujn kaj signis vojon, kiu tuj estis riĉa, dank' al la valoregaj kontribuaĵoj de junaj muzikistoj.

En 1856, oni konstruis en Madrid la Teatron de la Zarzuela, kiu ankoraŭ ekzistas. Pluraj estas la muzikistoj, kiuj atingis famon pro siaj "Zarzuelas", sed nun mi mencios nur faman majstron: Amadeo Vives.

Amadeo Vives, naskiĝis en Collbató (provinco Barcelona), la 18-an de novembro 1871. De sia junaĝo, li sin dediĉis al la muziko, kaj, en 1898 prezentis en la teatro "Novedades" de Barcelona sian unuan verkon: "Artús", kies muziko estas kataluna populara muziko, bazita sur la folkloro de tiu regiono.

Vives estis kunfondinto de la "Orfeó Catalá", por ĝi, li komponis diversajn kanzonojn, inter ili "Els tres tambors"; kunlabore kun la granda poeto Jacinto Verdaguer li skribis "L'emigrant", kiu estas unu el la kanzonoj kiuj atingis pli grandan famon.

Je la komenco de ĉi tiu jarcento, Vives translokiĝis al Madrid, kie li plene sin dediĉis al la zarzuela. Li estas aŭtoro de pli ol cent tiaj muzikaj komedioj, de unu, du kaj tri aktoj, kaj li kunlaboris kun preskaŭ ĉiuj hispanaj verkistoj de sia tempo.

Inter liaj verkoj, ni mencios nur jenajn titolojn: "Don Lucas del Cigarral" alfaraĵo de la verko "Entre bobos anda el juego", de Rojas, farita de G. Fernández Shaw kaj Tomás Luceño; "Bohemios", "Maruxa", kiu estis kantata en la Teatro Real de Madrid, de eminentaj artistoj kiel Galeffi kaj Montesanto, kaj, de Batistini, en la Liceo de Barcelona; "El duquesito o la corte de Versalles"; la opero "Colomba", de la romano de Merimée, alfaraĵo de Fernández Shaw kaj López Ballesteros; "La Villana", "Doña Francisquita", pri kiu Enrique de Mesa diris:

" Doña Francisquita' estas la popola akvo, kiun majstro Vives, kiel Lope, sciis kolekti pro instinkto, pro scienco kaj amo, en la kavon de siaj lertaj manoj; ĝi estas la kanvaso sur kiun la saĝa simpleco de l' tefinikisto tredas unu post alia la melodiajn temojn de forta koloro aŭ de subtila, leĝera gracio; ĝi estas la memoriga kaj patosa postgusto de hispanaj, popolaj kanzonoj kaj ritmoj. Tre antikva kaj tre moderna, kiel dirus Rubén Darío, la grandioza poeto."

I. G.

La vortoj "villancicos", "cantarcillos", "cosantas", "rondelas" kaj "tonadas", temas pri specialaj tiamaj kantoj.



Sceno de la verko "Doña Francisquita", de Federico Romero kaj G. Fernández Shaw, kaj muziko de majstro Amadeo Vives.

# HISPANA LIRIKO

## *INTER DU MONDOJ POEZIAJ*

Du konstantoj de la tutmonda poezio estas la sopiro al la soleco kaj la sopiro al la morto.

Tra la tempoj kaj tra la diversaj beletraj skoloj, la poetoj esploris, plej ofte en la profundo de sia propra intimo, la senton de laco kaj disreviĝo, kiu nepre frapas ĉiun homon, dum ties senĉesa konflikto kontraŭ si mem kaj kontraŭ la aliaj homoj. Venas iam la tempo, kiam oni jam ne plu deziras lukti, kiam la persekuto de revoj kaj ambicioj, eĉ la nura, sufoka rutino ĉiutaga vidiĝas vanaj kaj nekontentigaj. Tiam oni turnas la rigardon al ia kvieta angulo, kie oni povus atingi kaj ĝui la serenecon de la antikvaj saĝuloj.

La sopiro al la morto, esence nura intensiĝo kaj soleniĝo de la sopiro al la soleco, aperas jam kun konsterna forto en la plej primitivaj lirikoj.

Kompreneble ankaŭ la hispanaj poetoj de ĉiuj epokoj traktis, kelkfoje en suverena maniero, la du konstantojn. Pri la sopiro al la soleco, oni ne facile trovus en la tutmonda liriko ion, kio superus la poemon *Izola vivo,* de Fray Luis de León (1527-1591), kie admirindas la superba ekvilibro inter la lirika intenco kaj la formo de la esprimo:

Kiel senĝene spiras
kiu, por fuĝi de monduma rondo,
solecan padon iras,
sekvante kun volonto
la saĝajn virojn, rarajn en ĉi mondo!

Ne ronĝas lian koron
la pompa stato de orgojla gento,
nek li admiras l' oron
de la kason-ĉarpento,
kiun arabo ĉizis kun talento.

Li tute ne atentas,
se famo levas lin pro glor-afero,
kaj li indiferentas
al laŭdoj sen sincero,
kiujn kondamnas la honesta vero.

Ne prenas min kontento,
se vante min elektas la favoro.
Ĉu pelu min la vento
al tiu vana gloro
de morto-zorgo kaj de viv-angoro?

Ho rojo, kampo monta!
Sekura kaj sekreta nesto rava!
El ŝipo pereonta,
en via ŝirmo sava
rifuĝas mi de ĉi tempesto brava.

Mi volas daŭre dormi
kaj ĝui tagon puran kaj liberan.
Mi ja ne volas por mi
la geston tro severan
de kiuj laŭdas monon, rangon teran.

Min veku birdokanto
per milda, ne lernita tril-arpeĝo,
sed ne zorgiga hanto
sentata sub sieĝo
de fremda mano kaj de fremda leĝo.

Mi volas vivi sola,
regali min per bonoj de l' ĉielo
kaj vidi min izola,
sen amo kaj sen celo,
sen la ĵaluzoj mordaj, sen kverelo.

Sur klino de tereno
la mano mia jam priplantis horton,
kaj la printempa pleno
per floroj diras vorton,
ke fruktoj venos en somer-rikolton.

Kaj, kvazaŭ jam avida
ĉarmige pasi tra la horta belo,
de montopinto frida,
font-akvo kun akcelo
malsupren kuras, ŝaŭmas en sinpelo

Sed poste rapid-perde
inter la arboj lantas kaj sinuas,
la horton vestas verde
kaj preterpase ĝuas,
ĉar rozoj floras, kreskas, dum ĝi fluas.

La horton brizo blovas
kaj mil odorojn portas al la gusto,
la foliaron movas
kun tiel mola flustro,
ke or' kaj sceptro velkas en la brusto.

Teniĝu al la oro
la homoj, kiuj fidas je ŝipaĉo.
Sed ne por mi la ploro
fluanta sur vizaĝo,
kiam tempesto vipas kun sovaĝo.

Antenoj frape krakas,
la tago turnas sin je nigro peĉa,
tenebron krioj hakas
ĝis la ĉielo breĉa,
la maro plenas de klamado streĉa.

Mi trovas, ke sufiĉas
tableto, kiun garnas simpla pano;
se manĝilaro riĉas,
ĝi restu en la mano
de l' homoj sur la ŝtorma oceano.

Kaj dum koro-mizere
aliaj en avido sin konsumas
por regi efemere,
la pacon mi gustumas:
kuŝante ombro-rande kantojn zumas.

Kuŝante ombro-rande
kun laŭra kaj hedera kron' folia,
kaj aŭskultante frande
al sono melodia,
kiun la plektro ĉerpas multe-scia.

Pri la sopiro al la morto, la genia Federico García Lorca (1898-1936) faris per *Edziĝo* ion ŝajne neeblan: meti denson en la leĝero, komplekson en la simplo, kaj per manpleno da versoj sen unuaplana anekdoto, draste frapi nin ĉe la riveliĝo de lia preskaŭ fizike dolora sopiro:

Ĵetu tiun ringon
al la ondoj.

(Fingropinte l' ombro puŝas
mian dorson)

Ĵetu tiun ringon. Aĝas
mi jarcenton. Kaj... nul vorton!

Al neniu mi respondos!
Ĵetu tiun ringon
al la ondoj.

Kia kontrasto inter la mondoj poeziaj de Fray Luis de León kaj Federico García Lorca! La unua belas kiel birdo sidanta sur frondo milde lulata de zefiro. La dua belas kiel subita trilo morna en la tenebra mistero de la nokto.

*F. de Diego*

*Esperanto en Radio* *Nova Esperanto-programo en Hispanujo*

## RADIO SABADELL E A J - 20

Ĉiumerkrede estas dissendata la rubriko: "Esperanto, la lengua internacional", kiu konsistas el Enkonduko, Informoj kaj Kurso.

La dissendo estas kvaronhora, de la 21'45 ĝis la 22 h.

Meza ondo en frekvenco de 1475 Kcs. ekvivalenta al ondolongo de 203 metroj.

---

"Radio Sabadell", kies novan konstruaĵon kaj modernajn instalaĵojn oni inaŭguris antaŭ proksimume unu jaro, estas bone aŭdebla en la tuta provinco Barcelona kaj, parte, ankaŭ en la tri aliaj provincoj katalunaj.

DONATIVOS PARA BOLETIN - 1971

| | | | |
|---|---|---|---|
| *Suma anterior* | 4.096 Ptas. | José Sarda (Reus) | 50 » |
| Luis de Otaola (Bilbao) | 50 » | Juan Sanz (Almería) | 70 » |
| Antonio Costa (Ibiza) | 30 » | Juan Sala Campamá (Sabadell) | 50 » |
| J. Olivares (Barcelona) | 50 » | Restituto Albero (Burjasot) | 40 » |
| Ramón Molera (Moyá) | 100 » | José López Plazas (Cullera) | 158 » |
| J. Guillomía (Barcelona) | 20 » | Manuel Bonastre (Valencia) | 33 » |
| A. García Brañanoba (Bilbao) | 50 » | Cecilio Olalla (Bilbao) | 100 » |
| Salvador Gumá (Reus) | 50 » | Rafael Blanes (Alcoy) | 50 » |
| Antonia Urgellés (Moyá) | 100 » | | |
| | | *Total* | 5.097 » |

# UNU PLIAN OMAĜON AL PROFESORO D-RO MIGUEL SANCHO IZQUIERDO, EN LA JARO 1971



D-ro Sancho Izquierdo ricevas la gratulon de siaj kolegoj.

Kiam mi legis en la ĵurnaloj, pri la meritita omaĝo al Prof. D-ro Miguel Sancho Izquierdo, fare de la Universitato, mi pensis, kiel multe la Hispana Esperanto-Movado ŝuldas al nia eminenta samideano.

Ne ofte sin dediĉas sindone al Esperanto personoj kiel D-ro Sancho Izquierdo, Doktoro pri Juro kaj Historio, emerita Profesoro, dum 13 jaroj, Rektoro, kaj nuntempe Honora Rektoro de la Universitato de Zaragoza; Doktoro "Honoris Causa" de la Universitatoj de Montpellier, Bordeaux (Francujo) kaj Navarra (Hispanujo); Ordenita per la Grandaj Krucoj de Alfonso la X.ª kaj de la Civila Merito kaj per la Honora Kruco de Sankta Raimundo de Peñafort. Ricevinto de la Medalo de la Merito al la laboro. XXV.ª kaj ankaŭ aktuala Direktoro de la Reĝa Akademio de Belartoj de San Luis, Direktoro de la Reĝa Ekonomia Societo Aragona de Amikoj de la Lando, Korespondanto de la Akademio de Politikaj kaj Moralaj Sciencoj kaj de la Supera Konsilantaro de Sciencaj Esploroj. Ricevinto de la Arĝenta Medalo de Zaragoza, Honora magistratano de la urbodomo de Zaragoza, Konsilanto de la Institucio "Fernando el Católico", Konsilanto de la Instituto de Studoj de Teruel, Kavaliro de la Reĝa "Estamento" kaj de la Religia Konfratularo de Sankta Georgo de Gerona, ktp; pardonu, Don Miguel, ke tiom da titoloj mi envicigis, mi jam scias, ke por vi, sufiĉas unu: membro de la O.T. de Sankta Francisko. Estas superfluaj ĉiuj epitetoj, kiam la elstareco de la persono parolas per si mem: kaj tiu de D-ro Sancho Izquierdo igas nenecesa kaj eĉ ĝena, ĉian priskribon de liaj meritoj.

Esperantisto de la jaro 1908ª, li sindone kaj efike laboris kaj laboras por la triumfo de Esperanto, lingvo kaj ideo. Je la komenco, li aktivis ĉefe en la Zaragoza Esperanto-movado, sed, kiam oni petis lian helpon aŭ influon en Akademiaj rondoj, li ĉiam apogis la laboron de aliaj samideanoj; tiam, en Hispanujo, Esperanto floris en ĉiuj kampoj, same en universitataj kiel en laboristaj rondoj, kaj pluraj elstaruloj favoris ĝin.

Dum la jaroj inter 1930 kaj 1940, la nombro de esperantistoj rapide kreskis en nia lando, sed, bedaŭrinde, pli ol esperantistoj, ili estis Esperanto-parolantoj, kiuj uzis la lingvon nur por propagandi siajn politikajn idealojn. Car la plimulto

el ili ne sentis ĝian pacan ideon, iom post iom la Movado, kaŭze de disputoj, ege malfortiĝis. Tiam la seriozaj esperantistoj, pli malpli retiriĝis, kaj restis nur la esperantistoj-politikantoj.

Ni bone scias, ke Esperanto estas lingvo; ege praktika kaj tre necesa lingvo, precipe en la moderna vivo. Sed, tiuj faktoj pruvis al ni, ke por sukcesi en nia laboro, ni devas daŭrigi la vojon signitan de D-ro Zamenhof, laborante por idealo. Se ni pensas nur en la praktika flanko de la afero, Esperanto neniam atingos la celon.

Merita laboro estis tiu de niaj samideanoj el Valencia, kiuj reorganizis la Movadon, fondis la Hispanan Esperanto-Federacion en la jaro 1948, kaj gvidis ĝin ĝis 1962.

Kvankam D-ro Sancho Izquierdo tiam ne aktivis, li ĉiam restis fidela al tiu paciga sento, kiun Esperanto enhavas, senĉese helpis kaj apogis Esperanton, tutkore, ne nur kiel privatulo, sed ankaŭ kiel Rektoro de la Zaragoza-Universitato. Kaj, kiam en la jaro 1962[a], oni petis de li, ke li akceptu esti Prezidanto de H.E.F., li metis sian prestiĝon kaj kapablon je la servo de la Federacio. Nuntempe en Hispanujo, estas favora atmosfero por Esperanto; la nuna sinteno de la publiko rilate al la Internacia Lingvo estas klare simpatia: Esperanto estas respektata same kiel en la unuaj tempoj, kaj ne nur en superaj instancoj aŭ difinitaj medioj, sed ĉie. Multe ŝuldas la hispanaj esperantistoj al nia prestiĝa Honora Prezidanto, Prof. D-ro Miguel Sancho Izquierdo, sed lia ĉefa atingaĵo estas la kreo de tia etoso rilate al Esperanto.

De ni, de nia laboro, dependas nun la ekzisto de nia Movado... ni observu la neŭtralecon, kiu devas regi inter la esperantistoj, same objektive, kiel li ĝin observis, kaj la triumfo estos nia.

Dankon, Don Miguel, kaj koran gratulon.

EMILIA GASTON

---

## NOVAJ KURSOJ DE ESPERANTO

*CAMPELLO (Alicante)*

En la kadro de kulturaj aktivecoj (ne devigaj) de la Seminario Salesiano, oni starigis Esperanto-kurson.

Nia samideano Patro J. Armelles, Salesiano, partoprenis en la ĉijara Hispana Kongreso de Esperanto en Alicante kaj tuj post la fino jam komencis sian disvastigan laboron favore al la Internacia Lingvo, ĝis li sukcesis okazigon de la kurso, kiun li mem gvidas.

Granda entuziasmo regas en la Seminario rilate al Esperanto, tiom, ke la lernantoj devis esti dividitaj en du grupojn.

Nian gratulon kaj plej koran bondeziron por la nova kurso.

*CULLERA (Valencia)*

Denove ĉijare, nia samideano S-ro José López Plazas sukcesis organizi Esperanto-kurson en la sidejo de "Asociación de Cabezas de Familia de Cullera".

Anoncite per taŭgaj informiloj, la kurso komenciĝis la 5-an de oktobro, de la 8-a ĝis la 9-a vespere. Gvidas la kurson S-ro López Plazas.



## BILBAO

El Grupo Esperantista de Bilbao ha reanudado sus actividades con renovado entusiasmo.

El día 13 de octubre, dio comienzo un curso para principiantes, en su mayoría jóvenes, y que dirigen José Fariñas, Presidente de H.E.J.S. y María José Morán.

Antes de empezar las clases, hubo un simpático acto en el que don Julio Juanes, como profesor de los últimos cursos, hizo la presentación de los nuevos profesores, poniendo de relieve la competencia de ambos, y el ambiente de amistad y camaradería que reina en nuestras clases. A continuación, hizo una breve exposición del problema lingüístico y del nacimiento de Esperanto, y un pequeño esbozo de la estructura del idioma.

Como punto final, el Presidente del Grupo, don Ramón de Izaguirre, dio la bienvenida a los nuevos "reclutas" deseándoles el mayor éxito, y poniendo el Grupo a su entera disposición.

También ha comenzado un segundo curso, dedicado a aquellos alumnos que se iniciaron en el pasado año y que quieren perfeccionar el conocimiento de la lengua. Este curso lo dirige don Ramón de Izaguirre, gran conocedor del Esperanto y de su gramática.

Delfín Ronda, como en años anteriores, toma a su cargo todos los martes de ocho y media en adelante, la dirección de las reuniones entre esperantistas ya conocedores del idioma, que tienen como fin pulir el estilo y discutir problemas gramaticales.

Deseamos mucho éxito en su labor a nuestros compañeros de Bilbao.

## GIJON

La Esperantista Grupo "Jovellanos" plenumas sian taskon

En sia sidejo, la 26-an de Septembro, frate kunvenis la plej elstaraj esperantistoj de Asturio.

Ili estis afable akceptitaj, persone, de la prezidanto de Ateneo Jovellanos de Gijón, S-ro L. Sarmiento kaj ankaŭ de la estroj de Grupo "Jovellanos", S-ro A. Menéndez, S. Mulas, S-ino Begoña kaj S-ro Ordieres.

Sekve, S-ro Sarmiento salutis ŝate la ĉeestantaron kaj oferdonis malavare siajn servojn por la bono kaj estonteco de Esperanto, kaj petegas ĉiujn daŭrigi



Unua Astura Esperantista Kunveno

la varmajn klopodojn por disvastigo de Esperanto tra la tuta Asturio; lingvo, al kiu li sentas tre grandan simpation kaj pro tio li ĉiam estas preta esti utila.

La samideanaro aplaŭdis lin varme; poste la kunvenintoj estis regalitaj per hispanaj vinoj kaj abundaj dolĉaĵoj, kio tre plaĉis al ĉiuj.

Poste komenciĝis la laborkunsido por ekzameni la eblon revigligi la Esperanto-movadon en la regiono. La E. G. "Jovellanos" proponis ekzameni la ĝeneralan tag-ordon: okazigi tri foje en ĉiu jaro regionajn Esperanto-kunvenojn por fratiĝi kaj propagandi Esperanton, kaj ankaŭ aranĝi almenaŭ unu fojon jare interprovincan renkontiĝon, kaj nomi konstantan regionan komitaton.

Ĉio estis tre debatita kaj fine unuanime aprobita. Oviedo estas la urbo, kie okazos la 15-an de Decembro la proksima kunveno.

Sekve en kineja salono la samideanaro vidis tre agrablan Esperanto-filmon. La adiaŭo bedaŭrinde alvenis frue kaj ĉiu estas konvinkita, ke la Esperanto-movado en Asturio nun renaskiĝas.

La lokaj tagĵurnaloj raportis pri ĉio tio antaŭ kaj post la kunveno, skribe kaj per fotoj.

De ĉi tie la Esperanto-Grupo "Jovellanos" sendas al la asturiaj samideanoj la plej varman koran dankon kaj ripetas alifoje: Ĝis revido en Oviedo!

J. ORDIERES

## SABADELL

Jam de kelkaj jaroj la urbo Sabadell troviĝas en la unuaj lokoj en la Hispana Esperanto-Movado. Kun ĉirkaŭ 200 membroj, la oficiale registrita societo "Centro de Esperanto Sabadell" daŭre propagandas la Internacian Lingvon diversloke, sed precipe en la urba ĵurnalo. Elementa Esperanto-kurso organiziĝas ĉiujare. Krome, ĝi funkciigas Esperanto-kurson per korespondado. Nu, la agado de tiu nia Esperanto-Centro kulminis per programita radio-dissendado. La afero komenciĝis je la fino de la monato oktobro, kiam post peto de la loka Radio-direkcio, la estraro de nia Esperanto-Centro konsentis esti intervjuata pri Esperanto, en la kadro de speciala kultura programo, kiun la menciita Radio-Stacio dissendas ĉiusemajne. Post sukcesa interveno en tiu intervjuo, la Radio-direkcio proponis starigi radio-rubrikon, kiun de la 27-a de Oktobro, oni dissendas sub la titolo: Esperanto la Lengua Internacional (Esperanto, la Internacia Lingvo).

Prizorgos la dissendon niaj kompetentaj samideanoj Liberto Puig, FD. de UEA. kaj prezidanto de la Esperanto-societo, kaj s-ano Santiago Torné, vicprezidanto, kiu kunlaboras en la loka ĵurnalo jam de kelka tempo. La kurson gvidos s-ro Puig, kaj kiel lernantino reala, oficos la oficiala radio-prezentistino de "Radio Sabadell", kiu volonte sin proponis lerni Esperanton antaŭ la radio-mikrofono.

En la dua parto de la programo, sub titolo "Pinceladas Gramaticales", oni prezentos al la aŭskultantoj, bazajn klarigojn pri la Internacia Lingvo.

Alia grava evento en kiu kunlaboras la "Centro de Esperanto Sabadell" estas la Numismatika Ekspozicio, prezentita en la salono de la loka institucio "Caja de Ahorros de Sabadell", de la 23-a de Oktobro ĝis la 7-a de Novembro.

"Centro de Esperanto Sabadell" prezentas en ĝi la kvin Esperantajn monerojn STELO kun klariga teksto. La Ekspozicio estas grandnombre vizitata.

VELUS

Ni gratulas al la "Centro de Esperanto Sabadell" pro ĝia grava atingo kaj ni dankas ĝian bonan kunlaboron, kiu permesis doni al niaj legantoj tiun gravan informon. Aparte ni informas pri la dissendo.

## SANTANDER

La esperantistoj de Santander bone kaj efike laboras; post taŭga propagando kaj anonco de la kurso en la tri ĵurnaloj de la urbo: "Alerta", "El Diario Montañés" kaj "La Gaceta del Norte" kaj ankaŭ en la semajna "Hoja del Lunes" komenciĝis la Esperanto-kurso. Ankaŭ la tri radiostacioj: "Cantabria", "Santander" kaj "Popular" anoncis la kurson; sed, kio atingis pli grandan sukceson estis la disaŭdigo de kanzonoj en Esperanto, kun tre konvena informado, en grava porjunulara muzika programo "Caravana de la Alegría", kiun gvidas S-ro Federico Llata Carrera.

La kurso komenciĝis sub la plej bonaj aŭspicoj, same pro la kapablo de la gvidanto kiel pro la nombro da kursanoj.

## TARRASA

Después de una adecuada información y anuncio del comienzo de curso en la prensa local, el Grupo de Esperanto de la S. C. Juventud Tarrasense, el día 15 de octubre reanudó sus clases para la enseñanza del Idioma Internacional.

Al curso se han inscrito buen número de alumnos, y las clases tienen lugar, los martes y jueves, de nueve a diez de la noche.

La veteranía y competencia de los profesores, don Sebastián Chaler y don Giordano Moya, son garantía de éxito.

---

Con motivo de cumplirse el 60 aniversario de vida esperantista de don Sebastián Chaler, se ha organizado en su honor, un homenaje provincial, que tendrá lugar el día 5 del próximo mes de diciembre.

Nuestra felicitación al Sr. Chaler, que a sus 88 años continúa trabajando activamente en pro del Esperanto.

## VALENCIA

Después del rápido cursillo de iniciación al Esperanto, que con gran éxito dio el Sr. Martí Miñana, ha empezado en los locales del Grupo de Esperanto de Valencia, el curso normal de Esperanto, con más de 20 alumnos, número que cada día aumenta, ya que son varios los alumnos del curso anterior que desean unirse al actual para perfeccionar sus conocimientos de la Lengua Internacional.

## VALLADOLID

Beno de la nova sidejo kaj Inaŭguro de la kurso

La pasintan 18-an de Oktobro je la 8.ª vespere, kun ĉeesto de amaso da esperantistoj kaj simpatiantoj okazis en la nova sidejo de la loka esperantista societo FIDO KAJ ESPERO, la du eventoj menciitaj en la titolo.

En salono, plenplena de personoj —multaj el ili starantaj—, Sacerdoto Jonás Castro Toledo benis la Grupon, Sekve la Grup-prezidanto kaj H.E.F.-estrarano s-ano Angel Díez García alparolis la ĉeestantaron emfazante la valoron de Esperanto en la internaciaj rilatoj kaj bonvenigis la novajn gelernantojn. La paroladeton de nia estimata Prezidanto oni premiis per longaj aplaŭdoj.

S-ano Mauro López Nalda kiu ĉijare gvidos la Elementan Kurson salutis la ĵus alvenintajn samideanojn kaj deziris al ili fruktodonan studadon.

Fine la fondinto de la Grupo S-ro Cantalapiedra Nieto prelegis hispane pri la temo "Opinio de ordinara homo pri la Internacia Lingvo Esperanto". Unue, kaj ĉefe por la novaj gesamideanoj, li aludis tiujn demandojn kiel: Kiom da personoj parolas esperante? kaj: Kie oni parolas ĝin? kiujn kutime faras personoj ne sciantaj la valoron de la Internacia Lingvo. Li menciis ĝian facilecon, ĝian unuecon, rimarkigante kiel, kvankam Esperanto jam ekzistas de antaŭ 80 jaroj ĝia Fundamento ne ŝanĝiĝis kaj ĝian utilecon pruvas la Naciaj kaj Internaciaj Kongresoj okazintaj ĉiujare. S-ro Cantalapiedra finis sian disertacion legante kelkajn frazojn de la artikolo pri Esperanto, verkita de la nobelpremiito Miguel Angel Asturias kiel pruvon de la graveco de Esperanto. La parolado de S-ro Cantalapiedra, vera inaŭgura leciono, estis premiita per tondraj aplaŭdoj.

Por fini la aranĝojn la tuta ĉeestantaro gustumis bonegajn manĝojn kaj trinkaĵojn, kiujn ĝentile kaj malavare oferis la Prezidanto.

La kurso okazos lunde, merkrede kaj vendrede de la 8.ª ĝis la 9.ª vespere, kun ĉeesto de 20 novaj gelernantoj.

L. HERNANDEZ

## ZARAGOZA

La Sociedad de Esperanto "Frateco" de esta ciudad, continúa su labor al ritmo que nos tiene acostumbrados. Durante todo el verano han continuado las clases para los alumnos del pasado curso, que deseaban ponerse en condiciones de poder asistir a las clases de perfeccionamiento que han empezado el día 2 de noviembre con gran asistencia de alumnos. La competencia del profesor don Fernando de Diego y el entusiasmo y constancia de los alumnos, hacen esperar que los esperantistas zaragozanos vuelvan a alcanzar el nivel lingüístico de los mejores tiempos. Las clases tienen lugar en el domicilio social de 8 a 9 de la tarde.

También ha empezado un curso elemental, con buen número de inscritos.



# Valenciaj Pilgrimintoj al Compostela kaj Fátima

Santiago de Compostela, Katedralo.

Dum mezepoko, ofte okazis pilgrimadoj por gajni jubileon; ankaŭ nuntempe oni pilgrimadas, sed ne tiel penige kiel antaŭtempe, ĉar tiam oni bezonis esti veraj herooj por trairi danĝerajn kaj longegajn vojojn inter Parizo kaj Santiago de Compostela, piedirante dum 70 tagoj; aliaj bonŝancaj kavaliroj iris rajdante dum 50 tagoj. Nuntempe oni pilgrimas pli komforte per aviadiloj, busoj, k.t.p.

Mi kune kun aliaj geamikoj, pilgrimis buse al Compostela kaj Fátima en tre gaja veturado. Ni ekveturis el Valencio je la 7-a matene en somera, bela tago; tiu ĉi ekskurso estis aranĝita de katolika, tre laŭdinda organizaĵo, OSCUS.

Tagmeze ni alvenis Madridon kaj en domo OSCUS, ni havis pretan bongustan tagmanĝon; post la tagmanĝo ni vizitas la urbon, vespere ni daŭrigis la vojaĝon tra longa tunelo sub Guadarrama montaro.

Trairante Kastilion ni alvenis al Valladolid kie ni tranoktis, vizitinte la katedralon, la palacon, kie naskiĝis Reĝo Filipo la II[a], kaj la belegajn ĝardenojn apud rivero Pisuerga.

En León ni haltis por rigardadi belan katedralon kiu havas buntajn vitralojn, kaj kie la Papo Johano XXIII[a], diris: "La Katedralo enhavas pli da vitro ol da ŝtono, pli da lumo ol da vitro, kaj pli da fido ol da lumo.

Poste ni vizitis la historian urbon Astorga, kie akceptis nin belaj knabinoj kiuj vendis bongustajn buterkukojn; rigardinte la katedralon kaj la episkopan palacon, verkitan de la famega arkitekto Gaudí, ni daŭrigis la vojaĝon ĝis urbo Ponferrada kie ni tagmanĝis.

Tra profundaj ravinoj kaj serpentumanta ŝoseo, ni atingis montaron Piedrafita de Cebrero sur sojlo de la verda Galicia; en Lugo, ni haltis por trinki "vinon de rivejro", laŭ tiea kutimo; post longa tempo, ni atingis nian sopiratan gastejon, kie ni tranoktis en vilaĝo Arteijo, proksima al Coruña.

En la urbo Coruña ni restis du tagojn, ĉar tiu bela urbo havas allogajn

vidindaĵojn. Ankaŭ ni vizitis Ferrol kaj Ponte-deume.

Post, tri tagojn de longa vojaĝo, ni atingis nian sopiratan celon, Sanktan urbon: Santiago de Compostela. La Katedralo imponas pro sia grandiozeco, la ĉefa pordego (Pórtico de la Gloria), Glora Portalo, estas verko de Majstro Mateo. Kiam ni eniris la Katedralon, ni same kiel ĉiuj pilgrimantoj kisis la centran kolonon kiu subtenas Apostolon Jakobo; tie estas profeto Danielo kiu aperas ridetante, eble ĉar kontraŭ li, staras la bela Ester. Aŭdinte la meson ni rigardis la belegan templon kaj ankaŭ "obradoiro" kaj Burgo de la Nacioj.

Daŭrigante nian vojaĝon ni vizitis la urbojn Vigo, Pontevedra kaj (Rías Bajas) la belajn estuarojn kiuj enpenetras teren plurajn kmojn.

En insulo La Toja, ni rigardadis ĉarman, naturan spektaklon, t.e. sunsubiron inter verdaj montoj, en lazura ĉielo; belaj fraŭlinoj kun tipaj koloraj vestoj oferis al ni kolierojn faritajn el maraj konketoj kaj helikoj.

Pro laceco, ni ripozis en komforta gastejo "La Ramallosa", apud la urbo Pontevedra.

Sekvantan tagon, ni eniris Portugalujon tra landlimo Tuy, nia buso trairis kovritan ponton sur rivero Miño, doganistoj inspektis niajn pasportojn.

Tuj poste, nia buso rapide kuris tra la bela lando Portugalujo kaj la unua urbo de tiu lando kiun ni vizitis estis Viana de Castelo; tie ni supreniris kastelon kaj faris kolektivan foton; poste ni alvenis al O Porto, kie ni ŝanĝis monon por aĉeti manĝaĵon kaj bagatelaĵojn; tiam ni trovis malfacilaĵojn pro miskompreno, malgraŭ simileco inter portugala kaj hispana lingvoj; tiam ni konstatis neceson de internacia lingvo kiel Esperanto. Ni restis du tagojn en Fátima.

La ŝoseoj en Portugalujo estas bone zorgataj kaj ankaŭ la urboj. Ni haltis en la bela urbo Coimbra kie defluas rivero Mondego, kaj rapide ni iris al Lisbono, bela ĉefurbo de nia najbara lando; vidinte ĉiujn vidindaĵojn ni vizitis Estoril kaj Cascaes kaj en komforta gastejo, ni ripozis du tagojn. Revenonte nian patrujon, ni trapasis la grandegan pendantan ponton Salazar, kiu kunigas la du flankojn de riverego Tajo.

Post 11 tagoj da feliĉa vojaĝo kaj kamaradeca kunvivado ni alvenis Hispanujon tra la dogano de urbo Badajoz.

E. VERDU



Pilgrimantoj en Fátima

## ✳ *Ni legis por vi...*

ETA VIVO. — Poemaro de Clelia Conterno Guglielminetti. Antaŭparolo de Gaston Waringhien. Sub la marko Stafeto, serio Beletraj Kajeroj, n.º 37. Eld. Juan Régulo, La Laguna (Tenerife), Hispanujo. 134 paĝoj, 12 x 19 cm. Prezo: 140 ptoj.

En bela, flua lingvo, la prestiĝa aŭtorino donas al ni kolekton de poemoj verkitaj inter la jaroj 1935a kaj 1969a.

La versoj estas ĝenerale mallongaj, ankaŭ la poemoj estas tiaj. Mi legis ilin pli kaj pli avide, kaptite de ilia natureco, de ilia sonoro, de ilia agrablo, malgraŭ la foresto de striktaj rimado kaj ritmado. Tial oni vane serĉus en la libro strangaĵojn gramatikajn, kaj tial ĝi estas rekomendinda eĉ al ne tre spertaj esperantistoj.

Jam de sia 20a jaro la aŭtorino esprimis siajn sentojn en Esperanto. De tiam ŝi enkorpigis, enanimigis al si Esperanton tiagrade, ke eĉ la poemoj rezultintaj el la militepoko saturita je doloro, krueleco, morto, fluis spontane en la lingvo internacia kvazaŭ en la gepatra, kio pruvas nedubeble, ke dum almenaŭ tridek-kvin jaroj Esperanto vivis vigle tiel same en ŝia kapo kiel en ŝia koro.

ETA VIVO, la 66a volumo de Stafeto, leginda kolekto de poemetoj delikataj, meritas ne nur laŭdon sed akiron kaj atentan legadon.

La libro estas tre zorge eldonita kun klara preso, sen preseraroj. Mian gratulon al la eldonisto, S-ro Juan Régulo Pérez pro la aperigo de tiu originale verkita poemaro, kiu pliriĉigas nian literaturon.

*Salvador Gumá*

NI AKTORAS. — 3 Komedietoj de Marjorie Boulton. Eld. Danks Esperanto-Forlag, Aabyhoj, Danlando. 36 paĝoj. Prezo: 40 ptoj.

Nia konata verkistino Marjorie Boulton prezentas al ni tri spritajn komedietojn: "La Participoj", "Fiŝkaptisto en malpura akvo" kaj "Spertulo pri la unua helpo". Ili estas facile ludeblaj de neprofesiaj aktoroj, do plene adekvataj, amuzaj kaj eĉ necesaj por esperantistaj rondoj, kie —laŭ intenco de la aŭtoro— ne tre spertaj esperantistoj povos "tiel alkutimiĝi iom al malfermado, por paroli Esperanton, de siaj karaj hezitemaj buŝoj...".

Salutindaj estas tiuj kaj similaj verketoj pro ilia praktikeco; vidu, ekzemple, en paĝo 17a la manieron insulti: "Korseto de Kleopatra! Paŭlo, vi misgenerita, fuŝedukita kreteno, vi kukurbokapa idioto, kiu kornohavanta diablo inspiris vin fari tion kaj bataĉi mian fotilon en la malbenitan putaĉon?" En viva lingvo oni tiel traktas foje la amikon!

"Ni Aktoras" estas zorge eldonita kun teksto tre klara, sen preseraroj; eble nur *sterumo* (pĝ. 16) anstataŭ *sternumo.* Ankaŭ la lingvo, kompreneble estas korekta. Unu frazeto kurioza tamen enŝoviĝis, laŭ kies konsisto hispanoj facile eraras: "inda objekto *por fotografi* tuj aperos" (pĝ. 14). Mi preferus tiel: "fotografinda objekto tuj aperos", ĉar tiu *por fotografi* signifas pasivecon (esti fotografata) dum en la frazo "li havas aparaton por fotografi" ĝi volas signifi rimedon, fotografilon. En pĝ. 23 mi trovis la bedaŭrindan *finfari* anstataŭ elfari, ĝisfari.

En viva lingvo ludas gravan rolon la interjekcioj; prave do Marjorie Boulton uzas ilin nombre, laŭ la sentnuancoj; sed tio levas la demandon: Kiom da interjekcioj havas Esperanto?

*Salvador Gumá*

SENĜENAJ DIALOGOJ, de Alberto Fernández. Popularscienca esploro de fundamentaj demandoj. Grafikaĵoj de Jan Verwest. Eld.: J. Régulo (Stafeto), La Laguna, 1971. 197 paĝoj, formato 22 × 15 cm, broŝurita. Prezo: 245 ptoj.

Ne estas facila tasko elpremi la substancon de Bohr, Einstein, Gamow, Teilhard de Chardin, Broglie, Whitrow kaj multaj aliaj kaj, el la rezultanta densa kaĉo, ekstrakti ankoraŭ la puran kaj klaran esencon de la plej subtilaj mensoj de nia epoko.

Tamen tion sukcesis brile fari Alberto Fernández. Per siaj *Senĝenaj dialogoj* li gvidas la laikan leganton en la avangardon de la plej arkanaj konceptoj kaj teorioj de bazaj sciencoj kaj, fidela al la klasika normo 'instrui delektante' li kreas tri simpatiegajn rolulojn: Terano, Pensuto kaj Dubinja, kies konversacio lumigas familiare, ŝerce, pike kaj replike la lastajn konkerojn de la fiziko kaj la biologio kaj la nervoskue fantastajn hipotezojn, kiuj fontas el la halucinaj kaj nekompreneblaj profundoj de la mikromondo kaj la makrokosmo.

Per dudek dialogoj inter Terano, Pensuto kaj Dubinja, Alberto Fernández konatigas nin kun mirigaj kaj konsternaj aspektoj de la gravito kaj

de la tempo; kun la relativa valoro de la determinismo en la mikromondo; kun la fantomiĝo de la materio; kun la preskaŭ fabela antimaterio; kun la demandoj kaj problemoj rilate la originon kaj evoluon de la vivo; kun la loko de la homa specio en la kadro de la biosfera disvolviĝo...

La fantazio kaj imago de la scienco-fikciaj verkistoj pruviĝas mizeraj kokinflugoj kompare kun la nesondebla spektaklo de la universo kaj la vivo. Ju pli subtiliĝas la metodoj de mezuro kaj analizo, des pli sorĉaj kaj neimageblaj perspektivoj aperas antaŭ niaj blindumitaj okuloj, kvankam, ĉe la fundo, ĉiam la nigro kaj la mistero baras la paŝon. Kiel la homoj de antaŭ ducent, kvincent, mil aŭ du mil jaroj, ankaŭ la nunuloj, sentante la mankon de la lasta kaj definitiva kialo, devas metafiziki... kio certe pruvas nian esencan senpovon. Antaŭe oni metafizikis antaŭ la suno kaj la luno; nun oni metafizikas antaŭ la kvazaroj kaj la fotonoj. Kiam kaj kie fine sukcesos la scienco havigi al si *ĉiujn* respondojn? Eble la poezia intuo jam antaŭvidis la vanecon de tia strebo. Eble Bécquer pravis, kiam li skribis:

Ekbrulis mia koro
en tuja dezir-ardo:
al si min trenis tiu ĉi mistero,
kiel abisma faŭko!
Sed ve!, la du anĝeloj
kvazaŭ avertis min per la rigardo:
—Tra l' sojlo de ĉi pordo
nur Dio havas pason!

Per esprimoriĉa, sprita kaj ĵongla stilo Alberto Fernández prezentas al ni en superbaj sintezoj la vertiĝodonan profundon de la universo kaj de la vivo, la imponan majeston de spektaklo, kiu estas vera regalo por la menso kaj la sento. *Senĝenaj dialogoj* do estas verko ne nur de talenta vulgariganto kaj sintezanto de aparte komplikaj sciencoj, sed ankaŭ de vera stilisto posedanta lingvon eksterordinare flekseblan kaj modernan.

Se al tio ni aldonas, ke la ilustroj, la tipografio kaj la ĝenerala aranĝo de la libro estas unuarangaj, la konkludo evidentas: ni troviĝas antaŭ verko de escepta valoro, kiu prestiĝas sian aŭtoron, Esperanton kaj la serion 'Stafeto'.

*F. de Diego*

LA RETO. Teatraĵo de Bukar. Eldonis Dansk Esperanto-Forlag, Aabyhoj, Danujo, 1971. 32 paĝoj, formato 20'5 × 14,5 cm, broŝurita. Prezo: 40 ptoj.

Nura lego de teatraĵo ne sufiĉas por bone aprezi ĉiun meriton de tia verko, ĉar mankas por prijuĝo gravaj faktoroj: la ludo de la aktoroj, la dekoracioj, la reĝisora laboro.

Do, de strikte literatura vidpunkto, *La reto* povas taŭgi kiel distra tempopasigilo, kondiĉe ke oni ignoru kelkajn nekonsekvencojn de la intrigo, kies ĉefaj personoj, kripla junulino kaj ŝia superregema patrino ludas por ni historion de submetiĝo greftitan per kelkaj krimo-romanaj efektoj.

Laŭlingve atentindas la uzo de pluraj mal-vortoj: malaplombe, malribele, malbatalema, sed la stilo ĝenerale estas iom peza kaj plata kaj, laŭ mia opinio, tro sintezema.

*F. de Diego*

NI LUDAS TEATRAĴOJN, de E. V. Tvarozek. Eldonis Dansk Esperanto-Forlag, Aabyhoj, Danujo, 1971. 32 paĝoj, formato 20'5 × 14'5 cm, broŝurita. Prezo: 40 ptoj.

Ĝi estas la kvara volumeto en la serio *Gajaj klubvesperoj* kaj enhavas jenajn unuaktaĵojn: *Koluma maŝo*, aŭ tempesto de virina ĵaluzo kun feliĉa fino. *Nokta vizito*, aŭ la triumfo de homarana etiko kontraŭ reprezentantoj de milita spirito kaj de senskrupula profitemo. *Samsortanoj*, rakonto pri ŝtelisto, kiu fine kompatas, eĉ helpas sian viktimon. *Ĉe stratangulo*, kie per naivega ruzaĵo iu pasanto, minacata de rabisto, fine subigas ĉi lastan kaj prenas de li eĉ la revolveron.

Nenio do originala. Tamen la libreto povas amuzi junulojn kaj lertigi ilin en la uzo de la lingvo.

*F. de Diego*

MIEDZYGORZE. — Faldformata, informa turisma broŝuro en Esperanto, kun fotoj kaj plano, pri Miedzygorze, en malsupra Silezio, ripozloko en kiu ĉiujare okazas aŭtunaj esperantistaj feriadoj. Eldonis: Centro de Turisma Informado pri Malsupra Silezio, Wroclaw, Pollando. Ĝi estas ricevebla senpage ĉe la eldonisto.

MONUMENTI ETRUSCHI ROMANI E MEDIOEVALI DELLA PROVINCIA DI GROSSETO. — Tre interesa estas ĉi tiu broŝuro pri arto eldonita en tri lingvoj, inter ili en Esperanto; ĝi estas faldformata, kun pluraj koloraj fotografaĵoj kaj arkeologia mapo de la provinco Grosseto. Eldonis: Ente Provinciale per il Turismo - Grosseto. Ni ricevis ilin kune kun programo de la 42.a Itala Esperanto-Kongreso okazinta de la 18.a ĝis la 24.a septembro en la bela urbo Grosseto. De "PRO LOCO DI MARINA" - 58046 - MARINA DI GROSSETO - oni povos peti turismajn broŝurojn kaj faldfoliojn ankaŭ en Esperanto.

ĈESKOSLOVENSKO. — La 30-paĝa broŝuro pri urbo ZDIAR estas ja originala. Ĝi konsistas el pli ol cent koloraj fotografaĵoj de domoj situantaj en tiu bela urbo, kaj la nomoj de iliaj posedantoj, ĉar ili estas privataj loĝejoj por turistoj.

La broŝuro ne havas tekston, sed aldone al ĝi ni ricevis broŝuron pri vilaĝo Zdiar, ĝia historio, arkitekturo, ĉirkaŭaĵoj, muzeoj, ekskursoj... kaj diversaj interesaj informoj pri trafiko, loĝeblecoj, ktp. Pluajn mendojn de ĉi tiu prospekto kaj dankesprimojn direktu al: Esperanto-klubo ĉe Muzeo de Janko Král, Liptovsky Mikuláŝ, Ĉekoslovakujo.

## KONKURSO DE POLA RADIO

Ĉu vi deziras gajni 10-tagan ekskurson tra Pollando?

Partoprenu la novan konkurson de la Pola Radio.

"FORUMO - EŬROPO - 71"

La respondo al ambaŭ subaj demandoj ebligas lotum-gajni unu el la ĉefaj premioj - 10-tagan senpagan ekskurson tra Pollando:

1. Kiel vi rilatas al la propono de la socialismaj landoj kunvoki konferencon pri la afero de la eŭropa sekureco kaj kunlaboro, kaj kion vi atendas de tiu ĉi konferenco?
2. Kiuj personoj en via lando, kaj en kia maniero, speciale meritiĝis por la afero de la paco?

Inter la partoprenontoj de la konkurso —krom la ĉefpremioj— estos lotumitaj multaj objektaj premioj kaj memor-donacoj.

La leterojn kun la respondoj oni devas sendi laŭ la adreso: Pola Radio, Esperanto-Redakcio, Varsovio-1, Box 46, Pollando, en kovertoj signitaj per la devizo: "Konkurso", ĝis la tridek unua de decembro 1971-an (decidas la dato de la poŝta stampo).

La rezultoj de la konkurso estos anoncitaj la 31-an de januaro 1972.
La ekskurso de la laŭreatoj de la ĉefpremioj okazos en periodo indikota de la Pola Radio.

Invitante al la partopreno en la konkurso ni samtempe petas ĝin vaste diskonigi inter viaj konatoj, samklubanoj, leteramikoj. Ni kredas, ke en la konkuro, kiu kongruas kun la pacaj idealoj de la Esperanto-movado, amase partoprenos la esperantistoj.

Bonŝancon en la lotado de la premioj!

POLA RADIO

# 57-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

de la 29ª-7 ĝis la 5ª-8 1972

Kiel anoncite, ankaŭ ĉijare, la Hispana Turisma Esperanto-Sekcio en kunlaboro kun la Delegacio de "Viajes MELIA" en Zaragoza organizas komunan vojaĝon al Portland (Oregon), okaze de la 57ª Universala Kongreso de Esperanto. Ĉar la partopreno en la Kongreso estas bona okazo por viziti aliajn urbojn de tiu interesa lando, ni organizis jenan ekskurson, kies programo estas ja alloga:

25-7-72 — MADRID - NEW YORK

Je la 11ª matene, forveturo de Madrid al New York, per reaktor-aviadilo.
Je la 13,40 (loka horo) alveno al la flughaveno John F. Kennedy.
Translokigo de la flughaveno al la hotelo en New York. Loĝado.

26-7-72 ĝis 28-7-72 — NEW YORK

Matenmanĝo kaj loĝado en la hotelo.
Dum la mateno de la 26ª, okazos komuna vizito al tiu grandega urbo tra Times Square, Greenwich Village, la Bowery, Chinatown, vera ĉina urbo en la koro de Manhattan; Wall Street, la konstruaĵo sidejo de la Unuiĝintaj Nacioj, Park Avenue, Centro Rockefeller, konstruaĵo Empire State; oni vizitos la "Centro Cívico" tra la komercaj kaj mara distriktoj; fine vizito al la statuo de la Libereco.

29-7-72 — NEW YORK - PORTLAND

Post la matenmanĝo en la hotelo, translokigo de la hotelo al la flughaveno.
Je la 11ª h. forveturo de New York al Portland per reaktor-aviadilo.
Je la 15,12 h. alveno. Translokigo de la flughaveno al la hotelo en Portland. Loĝado.

30-7-72 ĝis 4-8-72 — PORTLAND

Matenmanĝo kaj loĝado en la hotelo.

5-8-72 — PORTLAND - SAN FRANCISCO

Matenmanĝo en la hotelo.
Translokigo de la hotelo al la flughaveno.
Je la 17ª h. forveturo de Portland al San Francisco per reaktor-aviadilo.
Je la 18,36 h. alveno. Translokigo de la flughaveno al la hotelo en San Francisco. Loĝado.

6-8-72 ĝis 8-8-72 — SAN FRANCISCO

Matenmanĝo kaj loĝado en la hotelo.
Dum la mateno de la 6ª, okazos komuna vizito al la urbo; speciale oni vizitos China-town, ĝiajn ekzotikajn vendejojn Jackson Square kaj Telegraph Hill, de kie oni povas admiri la urbon. Vido de la Fisherman's Wharf (Kajo de la fiŝkaptisto).

9-8-72 — SAN FRANCISCO - WASHINGTON

Matenmanĝo en la hotelo, translokigo de la hotelo al la flughaveno.
Je la 9ª h. forveturo de San Francisco al Washington per reaktor-aviadilo.
Je la 17,04 h. alveno. Translokigo de la flughaveno al la hotelo en Washington. Loĝado.

10 - 8 - 72

Matenmanĝo en la hotelo. Dum la mateno komuna vizito; tra la rivero Potomac por vidi la belegajn domojn de Georgetown, poste, oni daŭrigos al Alexandria, urbo, kie naskiĝis Jorge Washington. Oni vizitos Mt. Vernon kaj ĝiaj dependaĵojn, kiuj elmontras la kutimojn de la epoko de Washington.

11-8-72 — WASHINGTON - NEW YORK - MADRID

Matenmanĝo en la hotelo. Translokigo de la hotelo al la flughaveno.
Forveturo de Washington je la 11ª h., alveno al New York je la 12ª h. kaj je la 20ª h. forveturo de New York al Madrid per reaktor-aviadilo.

12-8-72 — Je la 7,30 h. alveno al Madrid.

Prezo de la vojaĝo po persono, loĝado en Hoteloj de 1ª kategorio:

en dulita ĉambro kun banĉambro ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... 57.180 ptoj.
en unulita ĉambro kun banĉambro ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... 64.770 ptoj.

Por atingi tiujn prezojn oni bezonas la partoprenon de minimume 20 personoj.

Ĉi tiuj prezoj estas provizoraj, kaj ĉiuj eblaj ŝanĝoj modifos ilin. Ŝajnas ke la prezoj estos rabatitaj.

Informojn: Ĉe H.T.E.S.; Inés Gastón, P.º Marina Moreno, 35, 4.º dcha. Zaragoza.

## SEMAJNO DE INTERNACIA AMIKECO
## (S. I. A.)

Venontjare, Semajno de Internacia Amikeco okazos de la 20-a ĝis la 26-a de februaro. Do, estas jam tempo por komenci la preparojn.

La celo estas ke la aranĝoj pri kaj por S.I.A. en 1972 estu pli grandaj kaj tiru al si pli grandan publikan atenton ol ĉijare.

Kiel kutime, en Hispanujo prizorgos la ĝeneralan organizadon de la Semajno, la estraro de H.E.F., kvankam ĉiu en sia urbo, organizu la aranĝojn laŭ siaj eblecoj.

Por informoj: Sekretariejo de H.E.F., str. Víctor de la Serna, 19, 7.º, MADRID - 16.

## 57ª UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

Okazonta en Portland (Oregon) de la 29ª, 7 ĝis la 5ª, 8, 1972

Sub la Alta Protektado de Governor Tom McCall,

Estro de la ŝtato Oregon

Konstanta adreso: Nieuwe Binnenweg 176, Rotterdam - 3002, Nederlando

*Unua Bulteno kaj Aliĝilo*

Sespaĝa, grandformata kun multaj fotoj kaj diversaj informoj aperis la Unua Oficiala Bulteno de la 57ª U.K. en Portland 1972. Ĝi estas senpage ricevebla kune kun la aliĝilo ĉe la konstanta adreso de la Kongreso, ĉe la kongresa peranto, S-ro Ramón Molera, Ĉefdelegito de U.E.A. en Hispanujo, str. Santa Joaquina, 13, MOYA (Barcelona) kaj ĉe la Hispana Esperanto-Federacio.

*Statistiko* (25 oktobro 1971)

Entute aliĝis 244 personoj el 33 landoj.

## INTERNACIA RENKONTIĜO EN LEIPZIG

Kiel en antaŭaj jaroj, dum la printempa Foiro, okazos en Leipzig (GDR) Esperantista Renkontiĝo, la 11-an de marto 1972, je la 19,30-a horo, en Klubo de la Inteligentularo "Gottfried-Wilhelm-Leibnitz", 701 Leipzig, Elsterstr. 35.

Vizitu la Esperantistojn en Leipzigo!

BOLDIX - REINA FABIOLA, 7 - ZARAGOZA

D. L. Z. - 375 - 63